# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**




**Redaktoro Roger Springer** **Provlegita de Bob Felby**



**PLENUMITA 08/02/2018 Tricent- sesdeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,490,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,200,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol 294,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 14 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)






Preskaŭ ĉiuj eŭropaj lingvoj havas la eblecon, en unu vorto aŭ en kombino de vortoj, esprimi iun okazon returnen, do en pasiva voĉo, sed nur se la bildo montras transitivan agon. P.A.G. detale klarigas, ke la celo de Zamenhof estis ke oni povos en Esperanto uzi ankaŭ plurajn, kaj teorie ĉiujn, netransitivajn verbojn en la pasivo kaj en la medialo. Ekzemple kvankam oni en la angla, la plej libera lingvo por transitivigi verbojn, ne povas uzi la pasivan *"Three days were remained in Vienna"* por *"We remained three days in Vienna"*, en Esperanto, laŭ Zamenhof, oni povas pasivvoĉe diri "Tri tagoj estis restataj (= restatis) en Vieno". Tia libereco estas unu el la karakteraĵoj de Esperanto, sed oni en ĉi tiu kazo hezitas uzi ĝin.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.





Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.
La 3a de Februaro estis la tria sabato. Venis Roger Springer, Lochlann Niddrie, Michael Peters, Chris Holliss kaj John Casey. *Roger Springer*



Ni dankas vin Marcel por la klarigo de viaj kvizaj demandoj kiu ni zorge legis.
Estas bona lernado por ni do, lastan sabaton, post iom da babilado, ni studis gramatikon pri "si/sin/sia" ktp.



La temo estis elektita per Roĝero kaj tiun vere ŝatigis la progresantoj.
*Chris Holliss*



# Aŭstralia-Tago





Respondante al la propono de Vera Payne, pri festi Jan 26.
Mi pensas ke ŝia dua propono estus bona solvo por kontentigi ĉiujn.
Kiel nova Australiano, estas bone havi tagon por celebri tion sed samtempe decas havi ian ceremonion por agnoski al la Aborigena popolo la terura traktado de la tiama posedantoj de la lando *Indrani Beharry-Lall*





Mi mem ŝatos ke Aŭstralia-Tago estu la lasta vendredo de februaro kaj tiel krei alian longan semajnfinon. Tiam ĝi estos la lasta tago de somero celebrante Aŭstralio kaj la ŝanĝo de la sezonoj. *Roger Springer* Ĉu estas aliaj problemoj kontraŭ Aŭstralia-Tago?



# LA JANUARA NUMERO DE LA REVUO ESPERANTO ELŜUTEBLAS SENPAGE




En la retejo [revuoesperanto.org](http://revuoesperanto.org) estas senpage elŝutebla la januara numero de la Revuo Esperanto, la plej renoma periodaĵo en Esperantujo, aperanta jam 111 jarojn. La numero estas la unua en la jarkolekto 2018, la Jaro de Esperanto-Kulturo.

Esperantistoj, kiuj ankorau ne membras en UEA aŭ ne abonas la revuon, estas invitataj konatiĝi kun ĝia richa enhavo: novaĵoj, artikoloj, recenzoj, intervjuoj ks. Bonvolu sciigi pri la elŝutebleco al ĉiuj eventualaj interesiĝantoj.

*Katja Steele*



# Pri "Mi pequeña gramática de Esperanto" verkita de Peter Weide




Nur 30 paĝojn! Mirinde! Weide atingas aranĝi en eta spaco egan enhavon. Kompreneble, oni ne rajtas esperi, ke tia gramatika manlibreto havu sufiĉan amason da ekzemploj kaj ĉiutagaj situacioj por plene posedi la lingvon. Tion eĉ ne atingas la fama PMEGo, kiu estas konata de preskaŭ ĉiuj, kelkfoje malfermita de multaj, parte studata de pluraj, kaj tralegita de preskaŭ neniu.

La Weidea libreto temas pri aranĝita promeno sur la lingva Esperanta vojo tra ĝiaj eroj: kiuj ili estas (substantivo, verbo ktp), kiel ili miksiĝas por atingi frazojn (afiksoj, akuzativo ktp), kio okazas pri kelkaj flankoj el la lingvo (tabelvortoj, komparadoj ktp), kaj kiel scii pli (datoj, utilaj retpaĝoj). Ĉiumomente, la aŭtoro klopodas sekvi la saman logikon por ĉiu lingva elemento: nomo, rolo, klarigoj, ekzemploj.

Vi havas en tiu paĝaro bonan ilon por apogi la lernadon de viaj komencantoj pere de rimedo, kiu povas roli kiel manlibreto por esti konsultita laŭbezone. Ne esperu luksan eldonon sed utilan. Kohere, ne esperu multekostan decidon. La kajero kostas 3,50 € plus sendokostoj, ĝi estas mendebla ĉe peter.weide@mail.dk. Tamen vi povas mendi mil ekzemplerojn por via sukcesa kurso kaj atingi bonan rabaton. Pliajn informojn vi trovos sur la retpaĝo http://esperanto-gramatiko.saluton.dk/esperanto-gramatiko-superrigardo/espanol

Vicente Manzano-Arrondo, Viko.



http://esperanto-gramatiko.saluton.dk/esperanto-gramatiko-superrigardo/English

Amike, Peter Weide

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno



**DIMANĈA KUNVENO**

Dimanĉon la 4an de Februaro ses homoj (inkluzike de unu komencanto kiu ĵus finis la duolingo-kurson) kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar. Ni babilis kaj ĝuis la bonan veteron ekster la kafejo.

**LUNDA KUNVENO**

Lundon la 5an de Februaro sep homoj venis al Ross House. Ni babilis pri tio, kion ni faris dum la paŭzo, kaj faris ekzercon pri la nomoj de floroj.

**VENONTAJ KUNVENOJ**

Ni ne kunvenos venontan lundon, kaj mi ankoraŭ serĉas novan ejon por la ludvesperoj.

Dimanĉa kunveno, ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 11an de Februaro je 15:00-17:00

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1031 Instagram – 144

Facebook – 376 Telegram – 19

Twitter – 374

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Peto por fotoj AEA

Ĉu vi havas en via komputilo aŭ poŝfono fotojn de Esperantujo en Aŭstralio? La hejmpaĝo de la retejo AEA (aea.esperanto.org.au) havas malgrandan bildoprezenton, kiu montras diversajn allogajn trajtojn de la Esperanto-movado, aparte en Aŭstralio. Tamen, iuj el la fotoj ne estas tre aktualaj, kaj estis en la sama loko dum pli ol jaro. Por memorigi vin, jen ili:


1 2 3 4 5

Kune, tiuj fotoj montras, ke Esperanto estas lingvo por ĉiuj (junaj kaj nejunaj, kaj el diversaj kulturaj fonoj), ke ĝi estas facile lernebla, kaj ke esti kun aliaj Esperanto-parolantoj estas amuze kaj agrable.

Do, mi petas vin sendi al mi aliajn, pli freŝajn fotojn, kiuj estas same taŭgaj. Estas prefere, ekzemple, ke ia foto ne estu de formala grupo ĉe kongreso. Antaŭ ol vi sendos foton, demandu vin, “Ĉu tio vere diras ion pozitivan pri Esperanto *sen ekspliko*?”

Ĉiu foto devos esti klara kaj sufiĉe granda. Pro la formato de la bildoprezento, ĉiu foto estos tondata al horizontala rektangulo.

Se vi havas nur kelkajn fotojn (aŭ ec unu), bonvolu sendi ilin kiel kunsendaĵoj rekte al mi ĉe drdada@gmail.com. Tamen, se vi havas multajn, unue kontaktu min kaj mi aranĝos metodon por ricevi ilin.



Multajn dankojn,

*Jonathan Cooper*, vic-prezidanto kaj administranto de retejo AEA




*Petro Danzer* BES Sekretario



# En la ĝardeno de la lingvoj.

## LA JUNA ZAMENHOF.





La kono de multaj lingvoj reflektis nur la cirkonstancojn, en kiuj la juna Zamenhof vivis, kaj kiuj cirkonstancoj multe influis lin. Lerninti lingvojn estis necesa, ĉar instrui lingvojn estis unu el la nur kelkaj profesioj kiujn judoj en la tiama Rusujo rajtis praktiki. Kaj krome kelkaj el liaj antaŭaj samfamilianoj havis tiun profesion. Sed koni lingvojn necesis ankaŭ, aŭ estis utila, ĉar en la pola urbo en kiu Zamenhof loĝis plej longe, 18% estis poloj, 8% rusoj, 6% germanoj, 2% blankrusoj, kaj 66% judoj, kiuj ĉiuj parolis ĉiutage siajn proprajn lingvojn. Kaj krom tiu multlingveco lin spirite influis la hebrea mistikeco kaj lia juda kredo esti la misiistoj de la mondo. Ankaŭ helpis la fortaj idealoj praktikataj de lia patro pri paca kunvivado kaj pri egalaj rajtoj por ĉiuj homoj. Ĉiuj tiuj influoj kreskigis en Zamenhof jam firme la idealon de neŭtrala internacia lingvo.

(tirita el libreto pri Zamenhof verkita de Gaston Waringhien). (daŭrigota). *M. L.*

## OBSTINECO.

Vi, la Esperantistoj, ne juĝis miraklo, ke mi eltrovis, antaŭ tridek jaroj, kiel konstrui la verban pasivan voĉon kiu, ankaŭ laŭ Kalocsay, ne ekzistis en Esperanto. Vi ĝuste ne trovis tiun mian eltrovon miraklo, ĉar ĉiu povus eltrovi tion kaj aliajn novaĵojn en Esperanto, kaj unu devas esti la unua. Nur temis pri serĉi ĝin kaj publikigi ĝin. Sed kiam mi anoncis al vi, ke mi eltrovis ion pri gramatikaĵo, ĉikaze pri participoj, en kelkaj etnaj lingvoj, inkluzive de la angla, franca, kaj germana, kiun gramatikaĵon evidente neniu lingvisto en la mondo jam eltrovis, vi nature tre skeptikas. Vi trovas neimagebla kredi ke maljuna nekonata Esperantisto en Aŭstralio eltrovis ion kion neniu el la miloj da okcidentaj lingvistoj scias. Vi pensas ke tio estus miraklo nekredinda kaj tial ne ebla. Sed ankaŭ ĉi tie unu devas esti la unua, kaj la invento ne estas tiom mirakla kiom vi pensas, ĉar eĉ en sciencaj aferoj novaj ideoj aperas pro hazardaj okazoj, ne antaŭviditaj. Kaj en mia kazo la lingvistoj ne ekzamenis la aferon ĉar ekzistis neniu

tialo por scii la eltrovotan fakton ĉar ĝi kaŭzus neniun ŝanĝon de lingvouzo, nur ŝanĝon de terminologio. Kaj krome estas fakto, ke specialisto pri alia lingvo ofte pli bone kapablas enpenetri kaj difini la labirinton de la gramatiko de tiu alia lingvo ol la specialistoj de tiu sia lingvo mem. En ĉi tiu kazo estis Esperanta specialisto pri la gramatiko de kelkaj eŭropaj etnaj lingvoj, enpenetrante tiujn lingvojn el sia lingva bazo de Esperanto. Sen la neceso klarigi la misuzon ante la participojn ate de la eŭropaj Esperantistoj, ankaŭ mi ne estus eltrovinta la situacion en la etnaj lingvoj. Do la afero, la eltrovo, ne estas miraklo, same kiel la inventoj pri la sunrondiro ate de la tero kaj la neebeneco de la mondo ne estis mirakloj. Pli nekredeble estas, ke post tiuj kaj aliaj inventoj la granda plejmulto de la homoj dum ege longa tempo plu kredis en la konceptojn de antaŭ la inventoj dum ege longa tempo. La samo okazos nun pri mia invento, kaj pri aliaj inventoj nuntempaj. Nekredeble sed nemirakle!

Do tute ne influas la lingvouzon de la franca, germana, aŭ angla la fakto, ĉu oni malĝuste kredas ke tiuj lingvoj havas nur du participojn, aŭ ĉu oni scias ke ili havas tri participojn, unu parte prezenca kaj parte imperfekta, unu preterita, kaj unu pure (= sentempe) pasiva. Temas nur pri la ĝustaj funkcioj kun la ĝustaj terminoj. Nur al Esperantisto gravas scii, por uzi Esperanton ĝuste, ke kelkaj eŭropaj t.n. pasintaj participoj tute ne indikas tempon sed nur pasivon. La eŭropa Esperantisto ja ne sciis, aŭ plu ne scias, pri tiu etna pasiva participo, kaj ne komprenas ke la participosistemo de Esperanto ne samas al tiu de la etnaj lingvoj. Kleraĵo pro la genia Zamenhof. Se mi nur estus farinta mian eltrovon kiam Kalocsay ankoraŭ vivis, li ne estus bezoninta lamenti, ke ege mankas al Esperanto pasivaj verboj. Tamen en tiu tempo Esperantologoj jam serĉadis trovi pasivan verbsufikson, sed malsukcesis ĉar neniu el ili pensis pri la Regulo pri Signiforedukto. Nur aplikante tiun Regulon mi povis krei kaj oni povas uzi la pasivan verban sufikson –ati, havantan nur la signifon de pasiveco sen la signifoj de tempo.

Konklude do: Same kiel la grekoj, post ol Aristachus de Samos eltrovis ke la tero turniĝas ĉirkaŭ la suno, dum jarcentoj plu kredis ke la suno turniĝas ĉirkaŭ la tero, same la eŭropaj lingvistoj malgraŭ la informadteĥnologia revolucio plu kredos, kaj volos kredi, dum longa tempo ke ekzistas nur du participoj en iliaj lingvoj. Kaj la kompatindaj Esperantologoj eŭropaj simple plu kredas siajn eŭropajn kolegojn.

*Marcel Leereveld.*

## ĈU FORGESI LA INDIĜENOJN?

Roger pravas en tio, ke ni ne forgesu pri la kruelaĵoj ante la indiĝenojn, sed ke ni ne sentu nin kulpaj pri tio, ĉar ĉiuj ŝtatoj kaj preskaŭ ĉiuj popoloj havis en sia historio periodojn de abomenindaj kruelaĵoj kontraŭ fremduloj, aŭ eĉ kontraŭ sia propra popolo; simple rigardu la afablajn indonezianojn, kiuj en kelkaj monatoj murdis preskaŭ milionon de sia propra popolo, plejmulte ne kulpajn de krimo. Rigardu la pacemajn nederlandanojn kiuj pli ol unufoje kruelege traktis kaj murdis indonezianojn! Kaj vi trovos similajn kruelajn agojn de aliaj landoj en sia historio. Sed la problemo pri la aŭstraliaj indiĝenoj estas, ke nuntempe ili estas plu traktataj de la resto kiel malsamajn kaj ofte malsuperajn, kaj ke ni ne sufiĉe honoras kaj helpas ilian kulturon, registare kaj persone, dum ni admiras la kulturon de la enmigrantoj kaj ŝatas manĝi iliajn nutraĵojn kaj geedziĝi kun ili. En demokrata lando ĉiuj homoj havas la eblecon krei

kaj praktiki siajn kutimojn kaj kulturon, sed ni kaj niaj registaroj volas trudi niajn kulturaĵojn al la indiĝenoj, ĉar ni subkonscie sentas ke niaj kulturaĵoj kaj nia socio estas pli bonaj. Mi pensas ke pro tio ni en ĉiuj aŭstraliaj lernejoj devas instrui la valorojn de la indiĝenaj kulturoj inkluzive ilian socian vivon. *M. L.*

**LA SOCIO KAJ LA EKONOMIO BEZONAS ARMILOJN ĈAR ILI BEZONAS MILITOJN.**

Pasintan jaron kelkaj amikoj en A.E. demandis, kion oni povas fari por havi pacon en la mondo. La problemo estas, ke escepte de izolitaj triboj, en kiuj la membroj ne batalas inter si sed nur kontraŭ la naturo, la socia vivo de la okcidentuloj turniĝas ĉirkaŭ konkurenco inter la popolanoj. Konkurenco signifas, ke por pluvivi aŭ por pli sendanĝere vivi, ni devas batali kontraŭ aliaj homoj en la socio de nia lando. Se ni ne faras tion, aliaj konkurencantaj homoj pli kaj pli fortiĝas super ni, ĉar ili deziras esti pli sendanĝeraj kaj do pli potencaj. Nia tuta vivo turniĝas ĉirkaŭ batalado, kaj niaj sportoj per sia konkurado helpas nin kredi en tiu konkurencado, tiu interbatalado, Ne ekzistas limo, ne ekzistas halto: ni devas interbatali. Tiuj kiuj ne kapablas konkurenci, ili kredas en loteriojn. La batalantoj, por esti pli fortaj, formas grupojn kaj kompaniojn por pli sukcese batali. La asocioj fariĝas kvazaŭ ili estas homoj, kaj en la leĝoj de multaj landoj tiuj kompanioj havas la samajn rajtojn kiel individuoj havas. Ŝtatoj konsistas el homoj kaj el egalvaloraj kompanioj, kiuj ĉiuj kune batalas kontraŭ aliaj ŝtatoj. La grandaj kompanioj plifortiĝas vendante pli da siaj varoj en konkurenco kun aliaj kompanioj. Pro tiu interbatalado kreskas grandege fortaj kompanioj. Ili devas trovi iajn ajn manierojn, moralajn aŭ ne, por vendi siajn varojn aŭ servojn. Pro ilia forteco precipe la grandaj kompanioj uzas ĉiajn rimedojn eblajn, ĉu agrablajn aŭ neagrablajn. Por doni ekzemplon: La grandaj armilfabrikistoj ne povas ne peni fariĝi pli fortaj, por venki konkurencantojn. Do ili ne povas ne uzi ĉiajn manierojn por vendi siajn armilojn. Unu tia maniero estas kaŭzi militojn en la mondo aŭ, ĉar ili estas ege fortaj, devigi registarojn fari aŭ helpi militojn. Ili estus malkapablaj konkurencantoj se ili ne farus tion. Nek ili nek la obeantaj registaroj publikigas la manierojn kiel ili penas kaj sukcesas. Ne publikigi tion, kaj ofte ne esti honesta, estas parto de la necesa konkurencado.

Oni malsaĝas kredi ke la homoj estas pli fortaj ol la armilkompanioj kaj la registaroj por malhelpi tiun naturan konkurencadon. Se vi ne kapablas obei kaj kunlabori, vi devas eliri el niaj kapitalismaj landoj kaj vivi inter triboj, laŭ ties reguloj. Aŭ vi devas helpi venki la registarojn kaj la armilfabrikojn por krei eksterkapitalismajn societojn, kiel oni provis, malsukcese pro Lenin, en Rusujo, kaj antaŭ kelkaj jarcentoj en kelkaj landoj, kaj antaŭ mallonga tempo en Mozambiko. Sed la aliaj landoj kaj la fortegaj kompanioj malebligis kaj malebligos tion. Neke Esperanto sukcesos venki la batalemajn armilkompaniojn kaj la obeemajn registarojn. Kaj unu maniero sukcese konkurenci estas mensogi ke oni estas kontraŭ militoj, dum en la politika mondo vi estos pli sukcesa en la konkurado se vi helpas la armilkompaniojn, kaj aliajn. Kaj ankaŭ por ni estas pli avantaĝa obei ol batali kontraŭ niaj registaroj kaj niaj armilfabrikistoj. Ni kontentigas nin ke ni estas kontraŭ militoj kaj por paco, ne pli, ĉar ni havas ege malgrandan forton en la konkurencbatalo kontraŭ la armilkompanioj, kiujn helpas niaj registaroj. Vi eble diros, ke ni kaj Esperanto kapablas fari multajn homojn pacemaj kaj amikaj, sed ni ne povos konvinki la armilfabrikistojn kaj la registarojn esti por paco

se ili bezonas militojn. Kaj ili bezonas militojn, ĉar nia socio, do ankaŭ ni, praktikas konkurencadon kaj tial interbataladon. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ADIAŬ PIERRE ULLMAN

Forpasis trankvile en sia hejmo, vesperon la 29an de januaro 2018, Pierre L Ullman, 87, la tradukanto de "Kanako el Kananam", la libro verkita de Ken Linton utiligante la leterojn skribitajn al sia edzino dum servi kun la *RAAF* (Reĝa Aŭstralia Aero Armeo) en NovGvineo dum la Dua Mondmilito.

Pierre Ullman estis Emerita Profesoro de la Hispana lingvo en la Universitato Wisconsin-Milwaukee. Li naskiĝis en Nico, Francio, de usona patro (Eugene Paul Ullman, profesia artisto) kaj franca patrino. Poligloto, li flue parolis kaj verkis ankaŭ en la franca, la portugeza, la angla kaj en Esperanto. Se vi '*Googlos*' lian *Curriculum Vitae*, mirigos vin lia fekunda produktokvanko de libroj kaj artikoloj, diverslingvaj, inter aliaj en la angla "La Vivo kaj Arto de Eugene Paul Ullman", "Esperanto Poezio kaj Poetiko", kaj "Esperantismo en la Hispana Mondo".

Li estis fervora Esperantisto, kaj ĉirkaŭ 2003 verŝajne estis Jennifer Bishop kiu, responde al lia peto, sugestis, ke li persvadu min tralegi la tradukon de libro kiu allogis lin, kaj fari sugestojn krom (linkokule) ankaŭ korektojn. Mi akceptis kaj tiel komencis 15-jara longdistanca amikeco kaj interkorespondado. "*The Friend from Kananam – Adventures in the New Guinea Jungle*" fariĝis dulingva eldono, ĉiu angla paĝo fronte al la koncerna Esperanto paĝo. La tradukon Pierre dediĉis al la memoro de "*His Excellency the late Ralph Harry, Australian Ambassador to the United Nations, Devoted Esperantist*".

Estis kelkaj malĝojaj batoj en la lastaj jaroj de Pierre, la plej grava la morto pro kancero de sia filino. Sed ankaŭ iom da ĝojo, ĉar venis en lian vivon animkunulino, klasika orgenisto Karen Beaumont, kiu estis kun li kiam li mortis.



Ripozu en Paco, estimata Piero. *Vera Payne*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Iĉismo kaj Riismo (neologismoj) iĉo:- *male* (malofte) (evitinde) : rio:- *they (singular)*

Mia namo estas Dylan Kennelly kaj mi estas Usonan Esperantiston. Mi faras enketon en la uzo de Iĉismo kaj Riismo por mia klaso "AP Research". Mi volas scii la mezuro de la uzo de la seksa reformo movadoj Iĉismo kaj Riismo. Mi prenis viajn informojn de la retejo esperantoland.org. Vi estis hazarde elektita via klubo kaj membroj partopreni en ĉi tio enketo. Bonvolu, distribu ĉi tio enketo al tuta via membroj en via klubo kiu estas almenaŭ de 18 jarojn. Se vi havas demandoj aŭ maltrankviloj, bonvolu retpoŝtu min al dylan.p.kennelly@gmail.com. Mi atendas antaŭen por labori kun vi por la finaĵo de mia enketon. Ĉi tie estas la ligilo de mia enketon: https://docs.google.com/forms/d/e/1FAIpQLSfs0yIBgi2a9E9z1PlwWHt_iDxyMC0eEIBQOQSifszpcxNVpw/viewform?usp=sf_link. Vi havas al 23:59 GMT, 28 Februaro fini la enketo.

Dankon por via tantiemo,

*Dylan Kennelly*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 10 Mi ree enmalsanulejiĝas kaj faras kadrojn



Sed ĉar la homo, kiel konate, ne vivas nur per kremo, necesis ke mi trovu laboron por plenigi ankaŭ miajn vesperojn. Mi eklaboris en malsanulejo. Mi decidis diri nenion pri mia malfeliĉa tempo en la londona malsanulejo, do mi rakontis la veron pri mia tempo pasigita en Leicestershire. Bona tempo, sed estus pli bone se la bienposedanto estus iom pli moderna.

Ĉiun tagon mi laboris en la laktejo, kaj ĉiun vesperon en la malsanulejo. Mi devis, same kiel en Londono, lavi nalsanulojn, aranĝi iliajn litojn, manĝigi ilin ktp. Estis sufiĉe amuze ĉar mi laboris tie nur dum la vesperoj. Kaj tiam ne okazis operacioj en la vesperoj. Sed malĝojigis min ke preskaŭ ĉiun vesperon, kiam mi revenis al mia laboro, mankis unu aŭ du malsanuloj en la ĉambrego. Mi neniam demandis, kie ili estas, ĉar mi ne volis, ke la flegistinoj ploru. Ankaŭ mi ne volis plori !

Iun vesperon oni translokigis min al alia fako malsanuleja. Tie regis kimra ĉefflegisto. Ankaŭ al li estis malfacile kompreni mian anglan lingvon. Evidente ankaŭ li ne ŝatis min, sed plejparte lasis min sola.

Sed ĝojo kaj feliĉo ! En tiu fako kuŝis ĉiuj miaj mortintaj amikoj. Ili ridegis pro ĝojo revidante min, kaj mi devas konfesi, ke ankaŭ mi tre ĝojis. Ili tute ne mortis, ili estis nur translokitaj, same kiel mi. Kia malŝarĝo de mia koro !

Bedaŭrinde Audrey malsaniĝis, kaj devis enmalsanulejiĝi en la saman malsanulejon, kie mi laboris. Necesis ke mi restu hejme la knabetojn flegante. Mi do ne povis labori en la laktejo. Kelkajn semajnojn poste mi perdis tiun laboron. Nu, tio estas komprenebla afero, ĉu ne ? Ili ja neniam vidis min ! Necesis do ke mi laboru la tutan tempon en la malsanulejo. Tio fakte estis pli bona. Mi laboris en diversaj fakoj, kaj lernis multon. Pli bone estis, ke mi ekkonis tiom da homoj, ne nur malsanulojn kaj iliajn parencojn, sed ankaŭ flegistinojn ktp.

Tamen, malsanuleja laboro, ĉu ne ? Neniu povas kun ĝojo fari tion sian tutan vivon. Necesas ke homo laboru !

Mi do trovis ordinaran laboron en kadrofabriko, situanta tre proksime al mia domo, pardonu min, al la domo de mia germana domluiganto. Unue mi segis en mallongajn pecojn la neuzeblajn kadrojn. Tiujn mi bruligis hejme en la kameno. Poste mi devis lerni raboti, por ke mi laboru endome rabotante la tutan tagon. Sed, sendube, ĉar mi ne havas naturan talenton por rabotado, oni enirigis min en la tenejon, kie mi pasigis la tagojn enpakante kadrojn. Tio pli plaĉis al mi.

Subite la germano decidis vendi mian loĝejon. Li donis al mi la unuan rajton aĉeti ĝin. Mi akceptis, sed kompreneble la prezo estis tro alta ! Do li minacis min, ke li elĵetos min tuj kiam aliiu aĉetos la domon. Iris mi al leĝisto, li paroladis kaj paroladis, tion faras tiuj homoj, sed bedaŭrinde li diris nenion. Promesis mia asekuristo helpi min per monoprunto, sed necesis ke mia dunganto subskribu dokumenton asertante, ke mia ĉiusemajna enspezo estas multe pli granda ol ĝi vere estas. Ne gravis al mi, sed mi bedaŭras ke mia dunganto, s-ro Leono, ne kuraĝis subskribi. Ne ĉiuj leonoj estas kuraĝaj. Li do perdis min ! *Daŭrigota* *Bob Felby*